De la Federación Española de Esperanto



AÑO 38 Nº 276 JULIO–OCTUBRE 1986

KONGRESANOJ EN LA 46a HISPANA
KONGRESO DE ESPERANTO EN VIGO

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1000 p-toj

**ENHAVO**

La kovrilo: Oficiala foto de la 46a H.K. en Vigo.



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2º 4º
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35, 4º
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3º P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
(Vakas)



# VIGO, Esperanta Kongres-Urbo

Dufoje Vigo fariĝas Esperanta Kongres-urbo, kaj tiuj gekongresanoj, kiuj ĉeestis la 32an Esperantan Kongreson en la jaro 1972, kaj ankaŭa ĉeestis la 46an Kongreson, povis konstati ke Vigo estas pli granda, pli bela kaj tiel gastama urbo kiel ĉiam. La 46a Hispana Kongreso de Esperanto okazis en la luksa Kultura Centro de la Vigo-a Ŝparkaso. Vere ni ĝuis belegajn tagojn dum ĉi tiu Kongreso kiu malvolviĝis laŭ la jena programo:

**Mardon, 15an**

De la 10a horo, kaj kiel okazas kutime en la unua tago de la kongresoj, disdonado de Dokumentoj kaj malfermo de la Libro-Servo.

Je la 17a horo aŭtobusa vojaĝo tra Vigo, dum kiu ni vizitis la belegan strandon "Samil"; la parkon "Quiñones de León" en Castrelos; monton de Castro kaj monton de la Guía, de kie ni ĝuis belegajn pejzaĝojn: la belan golfon de Vigo (iu apud mi komentariis ke ĉi tiu golfo estas tiel bela kiel tiu de Napolo, —Italio—) kaj la novan ponton de Rande kiu kunigas Vigon kun la duoninsulo de Morrazo. Je la 21,30a horo, la ekskurso finiĝis en la sama punkto kie ĝi komenciĝis.

**Merkredon, 16an**

Je la 10a horo, en la salono Rafael Herrero de la Kongresejo, kunsido de la Estraro de H.E.F. kun Delegitoj de Esperanto-Asocioj laŭ la jenaj punktoj: Saluto de la Prezidanto s-ro Aragay kaj prezentado de Dokumentoj; legado de letero de la Gijona Filatela Asocio, pri eldono de speciala poŝtmarko okaze de la Centjara Datreveno de Esperanto; Kristnaska loterio; organizado de karavano al la Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio, kiu okazos venontan jaron, kaj organizos H.E.F. pere de trajno, aŭtobuso aŭ aviadilo; informo de s-ro Casquero pri la 47a Hispana Kongreso de Esperanto okazonta en Madrido dum la venontaj Pasko-festoj. Lia Moŝto la Reĝo akceptis la Prezidantecon de ĉi tiu Kongreso; sendi leterojn al s-roj Samaranch, Gironella kaj Ce-



*HEF-Estraranoj en la laborkonsido de delegitoj*

la; s-ro Aragay informas pri "Hispana Antologio" verkota de s-ro de Diego; La Estraro de H.E.F. konsilas ke ne okazu pli ol unu kunveno aŭ kongreso en la samaj datoj; propono pri Kongres-Urbo por la jaro 1988, oni parolis pri Valencio kvankam la propono ankoraŭ ne estas firma; sugestoj de s-ro Fighiera pri ŝanĝo de programoj por la venontaj kongresoj; s-ro Aragay informas pri komitatanoj "A" en U.E.A., tial ke H.E.F. atingis 1.000 membrojn, ĉi tio rajtigas havi du komitatanojn "A".

Je la 12,30a horo, Solena Malfermo de la Kongreso, en la salono Zamenhof. Ĉe la Prezida Tablo s-ro Aragay, Prezidanto de H.E.F.; s-ro Hernández Yzal, Vicprezidanto de H.E.F.; s-ro Bueno Cortés, Prezidanto de L.K.K.; s-ro R. J. Regueiro, Skabeno pri Edukado de la Urbodomo. Salutas la Kongreson s-ro Bueno Cortés, kiu bonvenigas ĉiujn gekongresanojn, kaj memorigas pri la forpasintaj L.K.K.-anoj de la 32a H.K.E. okazinta en Vigo antaŭ dekkvar jaroj. La Skabeno pri Edukado s-ro R.J. Regueiro per lertaj vortoj kuraĝigis nin daŭrigi nian vojon kaj nian laboron "gis" la detruigo de la lingvaj bariloj, kiuj disigas la popolojn, kaj ni atingos ĉi tiun celon pere de nia lingvo ESPERANTO". Post ĉi tiuj vortoj li deklaris la Kongreson malfermita.

S-ro Aragay dankis la antaŭajn vortojn kaj salutis la Kongreson,

dezirante al ĉiuj bonan kaj fruktodonan Kongreson.

Alvenis la vico por Reprezentantoj kaj Delegitoj de la Grupoj saluti la gekongresanojn. Poste, la vico estis por la eksterlandanoj; s-ro Kosieniak, el Pollando, salutis kaj invitis la gekongresanojn ĉeesti la venonta Kongreson en Varsovio okaze de la Jubileo; s-ro Da Silva Almeida, el Portugalio; s-ro P. Reid, el Skotlando; s-ro Díez Morilla, el Argentino, ankaŭ ili salutis la Kongreson.

Je la 13,30a horo, en la sama salono, Xesús Alonso Montero prelegis lerte kaj amuze, en hispana lingvo, pri la temo: "El Esperanto como Esperanza" (Esperanto kiel Espero). Ĉi tiu preleganto, komencis salutante la Kongreson en Galega, Hispana kaj Esperanta lingvo. Li parolis pri la urbeto kie li naskiĝis, kiun li nomis "Bjalistoko", pro la simileco kun tiu Pola urbo, okaze de la lingvaj konfliktoj. Li reliefigis la gravan rolon de Esperanto en la internaciaj rilatoj kaj la grandan laboron de la aŭtoro de la lingvo d-ro Zamenhof. Forta kaj longa aplaŭdado premiis lin.

Je la 17a horo, Artaj kaj Sciencaj Horoj, en la salono Petro Nuez. Temoj: "Kantoj en Esperanto", kantis s-rino Concha Hernández de López.— "Galegaj Folkloraj kantoj" kaj "Meksikaj Kantoj", kantis Ĥora Grupeto de Galega Esperanto-Asocio.— "Biologia Agrikulturo", fare de Majka Mosquera.— "La Feromonoj kaj Luktado Kontraŭ Insektoj", fare de Olga Carreño.— "Analizo de la Hispana Leĝo pri Rajto je Edukado" de Manuel López Hernández.



*Niaj veteranaj kongresanoj*

Je la 19,30a horo, en la salono Salvador Oliván, Fakaj Kunvenoj de HEFS, IFEF, ILEI.

**Jaŭdon, 17an**

Je la 10a horo, Fakaj Kunvenoj en la salono Salvador Olivan, TUTMONDE, BAHAI, JUNAJ VERKISTOJ, VEGETARANOJ, ktp.

Je la 12a horo, Artaj kaj Sciencaj Horoj en la Salono Petro Nuez, temoj: "Konsisto kaj Funciado de la Galega Sak-ŝalmo (inklusive ludado de ĝi)", fare de Xosé Lourenzo Vidal.– "BLANDINA TIMO-PLENAS", radio-skeĉo fare de Eduardo Blanco Amor, traduko de Antono Alonso.– "TONDADO KAJ BRUL-MARKADO DE SOVAĜAJ ĈEVALOJ EN LA GALEGA LANDO".

Je la 16a horo, Prelego en Esperanto de s-ro Alonso Nuñez pri: "Nova Baldaŭa Revolucio; Informatiko en la Hejmo". Sekvis vigla kolokvo en kiu partoprenis multaj samideanoj.

Je la 17a horo, Ekzamenoj; Kapabla kaj Instruista Esperantisto. Prezidantino: Rafaela Urueña; Sekretario: Francisco Zaragoza.

Je la 18a horo, Elementa Esperanto-Kurso, gvidis ĝin.



*Membroj de HEJS. (Junulara Sekcio de HEF)*

**Vendredon, 18an**

Je la 9a horo, la aŭtoĉaroj startis por tuttaga ekskurso al la Maltaj Enfluejoj: Pontevedra, Villagarcia, Cambados, Villalonga (kie ni tagmanĝis), El Grove, La Toja, Sangenjo, Combarro, Poyo, Marin kaj per la nova ponto de "Rande" ni revenis Vigon.

**Sabaton, 19an**

Je la 10a horo, en la salono Emilio Gastón, Laborkunsido pri la Centjara Datreveno de Esperanto; Esperanto-Kongresoj kaj Esperanto-Renkontiĝoj en Hispanio; Novaj Esperantaj Libroj; Laborplano por la jaro 1987; Prezentado de novaj Esperantaj Verkoj: s-ro M.G. Aduriz prezentis "Sferoj-4".— s-ro S. Mulas "Astura Bukedo".— s-ro F. de la Puente "D-ro Esperanto, L.L. Zamenhof; Apostolo de la Paco".— s-ro G. Moya "La Homa Vivaventuro".— s-ro J. Añó "A E I O U de la Internacia Lingvo".

Je la 11,30a horo, Kunsido de H.E.F. -estraro kun Delegitoj de Esperantaj Asocioj laŭ la jena tagordo: Legado de la antaŭa Akto; Financaj Informoj (aprobitaj unuvoĉe); Laborplano por la jaro 1987.

Je la 13a horo, la Urbestro de Vigo s-ro Manoel Soto Ferreiro afable akceptis nin en la Urbodomo, kie ni estis regalitaj per hispana vino kaj manĝetaĵoj. La Urbestro dankis al ni ke ni elektis Vigo-n kiel sidejon de la nunjara Kongreso. La Prezidanto de H.E.F. dankis la Urbestron pro la akcepto kaj donacis al li Esperantajn librojn. Poste, kaj apud la Urbodomo, sur bela ŝtuparo ni pozis por fari la Oficialan Foton.



*Adiaŭa bankedo*

En la ĉapitro "projektoj": Eldoni Ilustritan Broŝuron en Hispana lingvo; reeldoni Vortaron Tudela; Video-Kurson de Esperanto; Historio-n de Esperanto (du volumoj), grava verko de s-ro A. Marko Botella; Tri lastajn volumojn de la serio "Hispana Literaturo": Poezia Antologio, La Domo de Bernarda Alba kaj Malsupra Tero. S-ro Juanes proponis gratuli s-ron de Diego "pro lia granda laboro favora al Esperanto.

Je la 16,30a horo, Artaj kaj Sciencaj Horoj. Temoj: "Alproksimiĝo al Sintakso de la Noma Sintagmo en Esperanto", fare de Alberto Franco.— "La Fama Matematika Problemo pri la Kvar Koloroj", fare de Juan Carlos Ruiz, legis ĝin s-ro Hugh P. Reid.

Je la 17,30a horo, Ĝenerala Kunveno de H.E.F.

Je la 19,30a horo, en la parko "Quiñones de León", ni spektis konkuron pri Keltaj Folkloraj Dancoj.

Je la 21a horo, en la Dancejo "Ĉarol", ni spektis la galegan riton "Queimada" (bruligado). La origino de ĉi tiu rito estas Kelta kaj ĝi inkluzivas gesorĉistojn, ekzorcojn, alpreĝadojn, dum okazas fulmoj kaj tondroj. Poste oni gustumas la "Queimada"-n, konsistanta el brando, sukero kaj specialaj herboj, ĉi tio kune devas esti ekflamigita kaj kiam la fajro estingiĝas oni devas trinki ĝin.

**Dimanĉon, 20an**

Je la 10a horo, tuttaga ekskurso al la "Sporta Urbo" de Komerca Klubo, lokita en belega ejo. Tie ni aŭskultis koncerton de la Ĥoro de la Hejmo de la Emerituloj de Vigo, kiuj kantis bonege. Disdonado de Diplomoj al la sukcesintoj.— Premio Klara Silbernik, ĉi tiu jare al juĝita al s-rino Pilar Garcia, vidvino de nia kara kaj neforgesebla samideano d-ro. Rafael Herrero.— Bankedo, kie ni ĝuis agrablan etoson, krom la bongusta menuo.— Oficiala Fermo de la Kongreso kaj reveno al Vigo kie okazis la adiaŭo, malgaja kiel ĉiuj adiaŭoj, sed ni jam pensis pri Madrido.

**Santjago MULAS**

# ARTAJ KAJ SCIENCAJ HOROJ

Kiel sciate, temas pri neformalaj prelegetoj kaj similaj aranĝoj, ĉiu kun daŭro 30-minuta, kaj sekvataj de debato aŭ komentoj.

Jen la programo de la ĉi-jara "eldono" de la "Horoj":

1) "Kantoj en Esperanto" (soloj por soprana voĉo). Solistino: Concha Hernández (Alicante).

2) "Galegaj kantoj en Esperanto". Ilin kantis la "ek-ĥoro" de Galega Esperanto—Asocio (GEA), kun helpo de pluraj gekongresanoj.

3) "Biologia agrikulturo", prelego de Manjka Mosquera. Kaj "Fenomennoj kaj luktado kontraŭ insektoj", disertaĵo de Olga Carreño (ambaŭ, de GEA).

4) "Konsisto kaj funkciado de la galega sak-ŝalmo", prelego de Xosé Lourenzo (GEA).

5) Du provoj de video en Esperanto: "Blandina timo-plenas" kaj "Tondado kaj brul-markado de sovaĝaj ĉevaloj en la galega lando". Por ambaŭ reĝisoris Xosé Lourenzo; por la unua, aktoris Isabel Castillo kaj José Luis Sánchez (ĉiuj tri de GEA). (Blandina..." estas skeĉo de Eduardo Blanco Amor; el la galega tradukis Antono Alonso).

6) "Prelego kun lumbildoj pri Krakovo kaj Varsovio".

7) "Alproksimiĝo al sintakso de la noma sintagmo en Esperanto", disertis pri tiu temo Alberto Franco (Sevilla).

8) "La fama matematika problemo pri la kvar koloroj", prelego de Armando Gómez (GEA), kun la kunlaboro de Hugh P. Reid (Skotlando).

9) "Internacia proverbaro", pri tio disertis Xaime Canoa (Grupo "Paco kaj Amo", Vigo). (Temis pri prezentado de pluraj specimenoj el la kolekto da 650 proverboj, kiujn li tradukis en Esperanton).

La ĉeestantoj ricevis po unu ekzempleroj de la tekstoj por (1), (2) kaj por la skeĉo de (5).

Oni ĝenerale opinias, ke la nivelo estis kontentiga, kun enhavo riĉa kaj varia. La plej grandajn laŭdojn ricevis la eroj (1), (5) kaj (9): Pri la unua, oni esprimis la deziron, ke en nova eldono okazu prezentado de la sama soprano, se eble kun muzika akompano (jen per rekta ludado, jen el sonbendo), tiel ke temu pri kiel eble plej kompleta aranĝo. La reĝisoron oni varme gratulis, kaj oni esprimis la esperon, ke li konfirmos siajn kapablojn per ankoraŭ pli perfektaj verkoj. La ero (9) konsistigis la plej grandan surprizon de la tuta aranĝo, ĉar neniu suspektis, ke tiom da bona laboro prezentiĝus en la "Horoj"; oni trovis la aferon tiel interesa, ke pri ĝi nepre okupiĝu la venontaj "Horoj" (ŝajnas, ke eĉ kelkaj ideoj jam ŝprucis pri eldono).

Nun, pri la negativaj flankoj: Ke temis pri tro da eroj; ke en la oficiala programo aperis nura indiko "Artaj kaj Sciencaj Horoj", tamen sen detaloj pri titoloj; ke la okaz-horoj ne estis tiuj plej adekvataj; ke —plej grave— okazis last-horaj ŝanĝoj, kio portis nur al konfuzoj, ktp.

A.A.N.

**HELPU AL PLIRICIGO DE LA "HOROJ"! Ni atendas viajn sugestojn, proponojn, komentojn, indikojn pri novaj temoj kaj prelengatoj, ktp.**

**Ĉion pri la "Horoj" sendu al: Antono Alonso Núñez.— Rosa, 26—5º—C, Santiago de Compostela, 15701 La Coruña.**

---



## RESUMO DE LA FESTPAROLADO FARE DE S-ro Xesus Alonso Montero, okazinta la 16an de julio

Ni havis okazon aŭskulti dum la Solena Malfermo de nia Kongreso, tre interesan prelegon, ĉiam el la vidpunkto de grava filologo, kiu al siaj fakaj konoj aldonas la fakton interesiĝi pri Esperanto, estante samtempe grava galegisto, ĉar li estas la kompilinto de la Historio de Esperanto en la Galega Enciklopedio.

S-ro Xesús Alonso komencis klarigante ke li deziras emfazi ke lia intereso pri Esperanto naskiĝis de lia propra sperto kiel galego kaj filologo, kaj el tiu perspektivo, li memorigis diversajn provojn por atingi internacian lingvon jam en la 16a kaj 17a jarcentoj, kiel tiu de Pastro Sarmiento kiu provis esti antaŭulo de Esperanto pere de neeldonita verko "Provo de ĝenerala lingvo", konstatinte ke la latina lingvo jam ne sufiĉis en lia tempo por sciencaj bezonoj.

Sed ankaŭ la preleganto emfazis ke la natura amo al la denaska lingvon — ĉiokaze la galega — ne signifas obstaklon por ami la nacian lingvon — la hispana — kaj interesiĝi pri la internacia lingvo Esperanto. Kaj pri tio, li montris la personecon de Castelao kaj la fakton ke jam en la jaro 1905, kiam okazis en Boulogne Sur Mer la unua Universala Kongreso de Esperanto, en la galega urbo La Coruña 70 gelernantoj studis Esperanton, inter ili la patro de la fama verkisto Camilo José Cela.

Nun, en la perspektivo de la Centjariĝo de Esperanto, la preleganto tre bone studis la diversajn kaŭzojn de la nuna situacio de Esperanto en la mondo, elstarigante unue la du Mondmilitojn, sed ĉefe la mankon de humanismo. Oni diras ke Esperanto estas neŭtrala lingvo, nepolitika, sed esti pacema, ekologiema, komprenema, signifas, esti humanisma, kaj pro tio ni konstatas facile ke Esperanto malantaŭiras kiam en la mondo mankas tiu humanisma sento. Tio kune kun la facileco de Esperanto, kiun jam montris la galega verkistino Emilia Pardo Bazán, kiel unu el la "ĉefaj malamikoj" de Esperanto, malfaciligas la enpenetron de la internacia lingvo en kelkajn sektorojn.

Alifranke por ke Esperanto disvastiĝu tra la t.n. "Tria Mondo" devus ŝanĝi ĝi multaj faktoroj kiel la gravaj interesoj agantaj tie, kiuj malfaciligas la enkondukon de Esperanto en tiujn popolojn. S-ro Alonso Montero finis sian festparoladon resumante la veran signifon de Esperanto laŭ lia vidpunkto. Por ĉiu, la denaska lingvo signifas la veran senton por ami, malami, paroli pri la ĉiutaga vivo. Internacia lingvo signifas ion superan, ne baze necesan, sed konvena kaj utila por la tuta mondo. Jen la risko kaj samtempe la defio por Esperanto en la Centjara datreveno: Scii serĉi la vojojn por tiu ĝenerala enkonduko de Esperanto.

**M.R. Urueña**

# REZOLUCIO

**TEMO DE LA KONGRESO: "Esperanto kaj la Internacia Jaro de la Paco"**

---

KONSIDERANTE la decidon de la Unuiĝintaj Nacioj deklari tiun-ĉi jaron kiel Internacian Jaron de la Paco,

AGNOSKANTE, ke tiu decido povos ege influi la disvolviĝadon de la internaciaj rilatoj de la ŝtatoj kaj popoloj de la mondo.

La 46-a H.E. KONGRESO en Vigo, unuanime aprobas la jenajn rezoluciojn kaj deklarojn:

a) Sen la uzado de la Internacia Lingvo Esperanto inter la ŝtatoj, nacioj kaj popoloj de la mondo, neniam la homaro atingos la necesan komprenon por atingi veran pacon.

b) La uzado de naciaj lingvoj en la internaciaj rilatoj, ĉu diplomataj, sciencaj, religiaj, politikaj, ktp., pliakrigas la internaciajn rilatojn inter la popoloj.

c) Por ke ĉiu nacio atingu vere siajn celojn, kaj konsiderante, ke Esperanto festos jam sian centan datrevenon en la venonta jaro, nepre ĝi devas esti agnoskata kiel unika labora lingvo en la Internaciaj Organizoj.

d) Oni alvokas ĉiun esperantiston por ke ene de sia profesio, kunlaboru kun la internaciaj organizoj apogante la menciitan lingvan politikon.

e) Kiel ekzemplojn de efika agado, ni mencias la agadon en la jenan kampoj:
1-a — Eŭropa Parlamento.
2-a — Oficejo de U.N. en Novjorko.
3-a — UNESKO.
4-a — Eŭropa Konsilantaro.
Kompreneble, la sukcesoj jam atingitaj en la menciitaj institucioj fare de elstaraj esperantistoj, kuraĝigas nin, daŭrigi tiun agadon.

f) Danki la lokajn instituciojn kaj aŭtoritatulojn pro ilia malavara sinteno rilate nian kongreson, kaj tiel same la informajn mediojn pro ilia apogo de la Kongreso.

**Vigo, 20–7–86**

# NOVA HEJS - ESTRARO EN VIGO

Pro laboraj, studentaj kaj personaj problemoj la Komitato de HEJS decidis elekti en la junulara kunveno kadre de la 46a Hispana Kongreso de Esperanto en Vigo novan estraron.

Ni petas, ke ĉiun korespondaĵon vi sendu de nun al la novaj respondeculoj.

Eksprezidanto
**Miguel A. Sancho**

Prezidanto
**Alberto Franco**

Prezidanto. Alberto Franco Ramírez, Sol 75, 41003 - Sevilla (Andaluzio)
Vicprezidanto. (Ĉefredaktoro de HEJS - JUNECO), Miguel A. Sancho. Marcelo Usera 163, 28026 - Madrido
Unua Sekretario. Francisco A. Antúnez, Gavilán 28. 41006 - Sevilla
Dua Sekretario. Antonio Rodríguez Gasch, La Rosaleda 5, 41008 - Sevilla

**KOMITATO**

(C) Alberto Franco Ramírez: Financoj
(C) Miguel A. Sancho: Revuo kaj eldonoj.
(C) Francisco A. Antúnez: Regiona Agado.
(C) Antonio Rodríguez Gasch: Eksteraj Rilatoj.
(B) Pablo J. Romero: Scienca aplikado de Esperanto.
(A) Jesús Armengol Arbiol: HEJS - Komitatano el Katalunio (Prezidanto de la Junulara Sekcio de la provinca E-organizo, Barcelona Esperanto-Centro. Fco. Moragas 95, Santa Coloma de Gramanet. Katalunio.

**Komitatano A en TEJO** (Junulara Sekcio de Universala Esperanto- Asocio) Jorge Camacho Cordón, Chantada 43-1º-3ª, 28035 - Madrid
HEJS-Paĝo en "Boletín" Ricardo Felipe Albert, Mauricio Legendre 19 28046 - Madrid
HEJS-Renkontiĝo por la Jubilea Jaro: Jorge Camacho kaj Ricardo F. Albert.
Bankkonto: Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros, libreta 2.303.26, Agencia Riera Blanca 436, 08028 - Barcelona

KOTIZOJ: 750 p-toj: oni rajtas ricevi la jenajn revuojn: HEF-Boletín, HEJS-Juneco kaj Kontakto.
350 p-toj: oni rajtas ricevi nur la bultenon HEJ-Juneco.

Helpu kaj subvenciu la Junularan Sekcion de Universala Esperanto-Asocio (TEJO) aliĝante al H.E.J.S.

# HISPANA JUBILEA KOMISIONO

Kadre de la 46a H.K. la tagon 18an, sabaton matene okazis la laborkunsido pri la Centjara Datreveno de Esperanto.

Ĉeestis en la kunveno ĉiuj membroj de la H.J.K. kaj 25 delegitoj de Esperanto-Grupoj kaj respondeculoj pri diversaj fakoj kaj s-ro Lech Kosieniak, komitatano de UEA el Pollando.

**PROTOKOLO**

**S-ro S. Aragay** prezidanto de la H.J.K. bonvenigas la ĉeestantojn.

**S-ro M. Gutiérrez** informas pri la KAMPANJO 100 ESPERANTISTOJ, jam aliĝis pli ol 60 esperantistoj, tiel do nur mankas ke ĉiu Esperanto-Grupo aligŭ kaj la Literatura Fako atingos sufiĉan kapitalon por eldoni alian verkon de la serio Hispana Literaturo. Sekve li prezentas la verkon SFEROJ-4 kaj informas pri la preparo de SFEROJ-5.

**S-ro Santiago Mulas** informas pri la 2a volumo de la serio Hispana Literaturo nomata "ASTURA BUKEDO" kaj prezentas ĝian kovrilon. Li asertas ke la verko aperos meze de oktobro.

**S-ro Fernando de la Puente** informas pri sia verko VIVO DE ZAMENHOF, verkita en kastilia lingvo. Li transdonas sian manuskripton al la HEF-estraro, por ke HEF eldonu ĝin.

**S-ro Francisco Zaragoza** eksplikas al la ĉeestantoj la bazajn ideojn pri VIDEO Elementa Esperanta-Kurso kaj certigas ke oni trovos taŭgajn geesperantistojn por la realigado de la projecto.

**S-ro S. Aragay** nome de **S-ro Antonio Marco,** prezentas parton de la manuskripto "Analoj pri la Esperanta Movado en Hispanujo"; tiu ĉi verko konsistos el du volumoj 300-paĝa, verkitaj originale en Esperanto. La una volumo aperos je la fino de la jaro.

**S-ro Augusto Casquero** informas pri la lastaj demarŝoj pri la 47a Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido kaj la eldono nome de Madrida Esperanto Liceo de la tria volumo de la serio Hispana Literaturo. Tiu ĉi volumo enhavos du teatraĵojn de Garcia Lorca kaj ĝi estos disdonita al la unuaj 100 kongresanoj.

**S-ro Giordano Moya** prezentas sian manuskripton "La Homa Vivaventuro" originale en Esperanto kaj li kaj Barcelona Esperanto-Centro kuneldonos ĝin.

**S-ro S. Aragay** informas pri la demarŝoj al familio Tudela kaj la sukcesa rezulto, Finfine do, HEF reeldonos la vortaron Esperanto-Hispana de d-ro E.Tudela.

Plie li informas pri la 4a volumo de la Hispana Literaturo "Hispana Poezia Antologio", tradukita de Fernando de Diego, (mankas ankoraŭ trovi eldonanton) kaj pri la 5a volumo la verko "Malsupra Tero kaj aliaj verkoj" de la kataluna verkisto Angel Guimerà, tradukita de R. S. Güell, ĝi estos eldonita de Barcelona Esperanto-Centro.

**S-rino Rafaela Urueña** informas pri la projekto "Ilustrita Inform-Broŝuro" en kastilia kaj transdonis al la HEF-prezidanto la manuskripton tute reviziitan.

**S-ro S. Aragay** informas ke ĝi estos eldonota post la vortaro Esperanto-Español kaj Vivo de Zamenhof.

**S-ro José Año** prezentas sian Esperanto lernolibron por infanoj "A-E-I-O-U", sed konstatante ke jam elĉerpiĝis la unua eldono, li akceptis reeldoni ĝin post la revizio de s-ro Miguel Gutierrez. Fermas la laborkunsidon s-ro S. Aragay gratulante al ĉiu verkisto pro lia fruktodona laboro kaj al ĉiuj delegitoj de la E-grupoj pro iliaj antaŭmendoj de la menciitaj novaj eldonoj kaj projektoj.

**SUNO**

## ANTAŬMENDOJ

---

Certe kara leganto vi miras pro la laborkapablo de la Federacio kaj la aliaj E-grupoj kiuj akceptis la ŝarĝon eldoni kaj realigi la 12 projektojn supre menciitajn, sed nenion ili povas fari se vi decidas ne aĉeti la estontajn eldonaĵojn. Tiel do sube ni indikas al vi la respondeculojn kaj prezojn de ĉiu eldonaĵo. Bonvolu studi atente tiujn ĉi proponojn kaj tuj helpu ilin. Vi estas nia bastiono!! Sen vi nenion ni povas fari!!

**SFEROJ—4.** Prezo 650 pesetoj. Miguel Gutierrez, Prolongación Floranes 57, 2° C. Santander.

**ASTURA BUKEDO.** Prezo 550 pesetoj. Santiago Mulas, Alfonso I, 13, 1° Gijon.

**VIVO DE ZAMENHOF.** Prezo 550 pesetoj. Hispana Esperanto—Federacio Carreras Candi 34-36, 08028 Barcelono.

**VIDEO PRI ELEMENTA ESPERANTO—KURSO.** 10.000 pesetoj. Francisco Zaragoza, Queipo de Llano 18, Callosa de Segura, Alicante.

**SANGA EDZIĜO—FESTO KAJ LA DOMO DE BERNARDA ALBA (GARCIA LORCA).** Tradukita de Miguel Hernández. Prezo 550 pesetoj. MADRIDA ESPERANTO—LICEO, Atocha 98, 4°, Madrido.

**ANALOJ PRI LA ESPERANTA MOVADO en HISPANUJO.** Prezo 800 pe-

setoj (unua volumo). Antonio Marco, Avda. Compromiso de Caspe **26**, 1a 50002 Zaragoza.

**LA HOMA VIVAVENTURO,** Prezo 950 pesetoj. Barcelona Esperanto-Centro, Carreras Candi 34 - 36, 08028 Barcelona.

**VORTARO ESPERANTO–ESPAÑOL.** Reeldono. Prezo 600 pesetoj, Hispana Esperanto-Federacio, Carreras Candi 34-36, 08028 Barcelono. Laŭ la deziro de Familio Tudela oni nur eldonos 500 ekzemplerojn, tio signifas se ni konsideras ke en la Kongreso de Vigo oni jam antaŭmendis pli ol 200 ekzemplerojn, ke nur restas aliaj 300 ekzempleroj disvendotaj al la grupoj kaj individuaj membroj kiuj ne aĉetis la vortaron en Vigo. La HEF —estraro dezirante komplezi ĉiun antaŭmendon, rekomendas ke ĉiu nova interesato faru tuj sian mendon, ĉar ni bone konscias ke la vortaro tre rapide elĉerpiĝos.

Pri la aliaj eldonaĵoj en estontaj bultenoj aperos pliaj informoj.

---

# 100 ESPERANTISTOJ

**Kampanjo de la Literatura Fako de HISPANA JUBILEA KOMISIONO.**

**Respondeculo: Miguel Gutierrez Adúriz. Floranes 57, 2° C**
**39010 SANTANDER. Kantabrio.**

---

Jen la listo de aliĝintoj ekde la 9a de majo ĝis la 1a de septembro.

GRUPOJ: Astura Esperanto-Asocio, Grupo Esperantista de Bilbao, Hispana Esperantista Fervojista Asocio, Galega Esperanta-Asocio.

**Individuaj aliĝoj:** José Fernández Arroyo, Cesar de Mosteyrin, José S. Pascual, Jaime Canoa, Vicente Hernández Llusera, Ana Ma Molera, Josep Masias, Pere Saumell, Pio Moa Ganga, Juan Asensi, Geedzoj Alonso Menlle, Venancio Montsalve, Juan Régulo Pérez, Juan Liceranzu, Joaquin Bielsa, Faustina Martínez, Luis Hernández García, Julio Juanes, Josep Colomer, María García Martín, Faustino Castaño, Aurelio Solis y Pi, Carlos Maynar Pi, Marís Pi Maynar, Santiago Torne, Amadeo Lucas, Evaristo Verdu, Juan Antonio Cabezos, Josep Conesa kaj Josep Miranda.

Entute oni jam antaŭmendis 71 kolektojn de la serio Hispana Literaturo. Ni mencias, ke tiu kolekto konsistas el la volumoj n-roj 2-3-4-5 kostantaj 2.200 p-tojn. La n-ron 2 "ASTURA BUKEDO" tuj vi ricevos se vi aliĝas al la Kampanjo "100 Esperantistoj".

# HEF-SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ:** Antonio Rafael Espejo, Eric Zamora Bermuz, Angelina Serrat, Santiago Val Palacios, Diego Hernández, Pedro Antonio Macanor, Adela Rojas Sánchez kaj Rosa Mª Navarro.

**PLIAJ DUMVIVAJ MEMBROJ:** Juan Azcuenaga Vierna, Luis Mª Hernández Yzal kaj Rafaela Urueña Alvarez.

Ni alvokas vin, kara leganto, al tio ke, se vi deziras profiti la nunan kotizon por Dumviva Membreco de HEF, ĝi estas nur 20.000 pesetoj, ĉar ekde januaro de 1987 pro la altigo de la HEF-kotizo ĝi kostos 30.000 pesetojn. Fariĝu ĉijare D.M. de HEF, vi ŝparos monon kaj samtempe financos kaj subvencios la organizojn Hispana Esperanto-Federacio kaj Universala Esperanto-Asocio.

**KAMPANJO E-100 de HISPANA JUBILEA KOMISIONO**
Subvencioj kaj donacoj por la Centjara Jubileo de Esperanto, en la nuna jaro.

| | | |
|---|---|---|
| Anonima esperantisto el Madrido | 30.000 | pesetojn |
| Esperanto Grupo Cartagena | 4.000 | " |
| Barcelona Esperanto — Centro | 4.000 | " |
| Esperanto Grupo Moià | 4.000 | " |
| Esperanto Grupo Alicante | 580 | " |
| Pedro Alcedo | 100 | " |
| P. José Mª Claramunt | 500 | " |
| Joaquin Bielsa | 1.172 | " |
| Julio González Curiel | 500 | " |
| Agustín Blasco | 500 | " |
| FRATECO Esperanto-Societo | 1.000 | " |
| ENTUTE: | 46.272 | pesetojn |

**VIZITIS NIAN SIDEJON:** S-ro Lech Kosieniak, komitatano de UEA el Pollando kiu tre ĝentile invitis oficiale la hispanan esperantistaron ĉeesti la 72an Kongreson en Varsovio.
S-ro Rikardo Ŝulco, elstara germana verkisto kiu insistis pri kunlaborado inter HEF—Libroservo kaj Esperanto—Centro de Paderborno (Germanio).

**DU KOMITATANOJ EL HISPANIO en Universala Esperanto-Asocio**
Okaze de la kunveno de la HEF-estraro kaj la delegitoj de la E-Asocioj en Vigo estis postaprobita unuanime de ĉiuj ĉeestantoj la elekto de s-roj Luis Hernández García (Valladolid) kaj Salvador Aragay i Galbany (Barcelono) kiel komitatanoj de Universala Esperanto-Asocio, kategorio (A) por la nuna periodo de tri jaroj.

**AVIADILA KARAVARO AL VARSOVIO 1987 POLLANDO**
Pli ol 20 esperantistoj jam aliĝis al la Aviadila Karavano al Varsovio organizita de HEF. Laŭ interkonsento inter HEF kaj la delegitoj de la E-asocioj por la estonta U.K. en Varsovio nur HEF organizos karavanojn.

**AŬTOBUSA KARAVARO AL KRAKOVO 1987 (Junulara Kongreso) Pollando**
Deko da gejunuloj jam aliĝis al la Aŭtobusa Karavano al la 43a I.J.K. de TEJO en Krakovo, Pollando. Proksimuma prezo por la vojaĝo iro kaj reveno 17.000 pesetoj.

---

# SAT KONGRESAS EN HISPANIO

En Sant Cugat del Vallès kaj en la Centro Borja okazis de la 2a ĝis la 9a de aŭgusto la 59a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda.

Partoprenis ĝin pli ol du cent kongresanoj, la plej multo eksterlandanoj. La solena malfermo okazis la dimanĉon 3an de aŭgusto fare de la urbestro de Sant Cugat, Oriol Nicolau. Antonio Marco Botella salutparoladis memorigante pri la antaŭmilitaj esperantistaj aktivuloj, multaj el ili militmortintaj aŭ suferintaj persekutadon, Francisco Zaragoza, kiel partopreninto en la SAT-kongreso de Valencia en 1934, salutis la ĉi-jaran Kongreson. Nome de HEF ankaŭ salutis ĝin ĝia prezidanto Salvador Aragay.

La distraj aktivaĵoj konsistis el la "Arta Vespero" ludata de la ensemblo "La Verda Kaĝo" kaj la kanzonistino "Mariona"; la katalunaj folkloraj dancoj ludataj de l'Esbart de Sant Cugat, fronte al la Monaĥejo, kaj tri ekskursoj: al Barcelono; al la Paleontologia Muzeo de Sabadell kaj al la Teksa de Terrassa, kaj la tuttaga ekskurso al Montserrat en la mateno kaj la vizito posttagmeze al la Muzeo de Esperanto en Sant Pau d'Ordal.



Sep paroladoj plene okupis la disponeblan tempon. Ili estis: Sociaj Aspektoj de la Hispana Revolucio fare de Ives Pejrault; la Scienceco de Esperanto, disertacio de Rikardo Ŝulco; Eduardo Vivancos, rememoro pri la Hispana Revolucio post 50 jaroj de ĝia okazado; Antonio Marco Botella, Poezio, Stilo kaj Progresemaj Hispanaj Poetoj; Giordano Moya pri Milito kaj Paco; Adrian Mañas pri "Vivo kaj kredo de Lidia Zamenhof, filino de la majstro", kaj Iwahito Higashitani, Studo pri la aragonaj agrikulturaj kolektivoj.

La SAT-kongreso multe laboris: laborkunsidoj, frakcikunvenoj, kaj interesa forumo pri la temo de la Kongreso: En la 50-jara datreveno de la Hispana Revolucio. La speciala okazo, ke la forumo disvolviĝis en la propra lando en kiu oni spertis tiun eventon, ebligis la konstaton de ĝiaj sukcesoj kaj fina malvenko.

Pro la malpermeso venontjare okazigi la jubilean SAT-kongreson en Pollando, tiu jubilea Kongreso okazos en Boulogne-sur-Mer, la urbo, kie en 1905 okazis la unua Kongreso de Esperanto kun la ĉeesto de Zamenhof.

**G.M.E.**

# 4a ANDALUZIA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi okazis en Granado la tagojn 15an kaj 17an de aŭgusto de 1986. La Kongreso malvolviĝis en la Scienca Fakultato de la Universitato de Granado kun ĉeestantoj de Andaluzio, Katalunio, Valencio, Svedujo kaj Francujo. La precipa celo estis la elekto kaj prezento de la Jubilea Komisiono, plimultigi la klasojn de Esperanto, instigi la uzadon de la Libroservo, kaj elekti urbon por okazigi la 5an Kongreson de AEU.

Partoprenis la debatojn, inter aliaj: Andrés Martín, Julio Herrero, Luís Gilpérez, J. Ignacio Bravo, J.M. Rodríguez Hernández, kaj Alfonso Escamilla.




*Meze s-ro Víctor Ruiz, sekretario de H.E.F.*

La lastan tagon de la Kongreso, oni traktis temojn pri AEU. Kiu urbo estus plej taŭga kaj alloga por la 5a Andaluzia Kongreso de Esperanto? Post longa debato kaj sekva voĉdonado, gajnis la elekton, la urbo Torrós (Malago).

La tagon 16an, la kongresanoj vizitis kelkajn monumentojn de la ĉarma urbo Granado, kaj la 17an, per aŭtomobilo oni trairis la tipan kvartalon "Albaicín" kaj alvenis al placo, kie en restoracio, konforte kaj samideane, la gekongresanoj manĝis kaj babilis tre gaje.

En nia memoro restas agrabla sento pro la feliĉaj tagoj, kiujn ni vivis inter tiel grava kaj afabla akompanantaro.

**Victor Ruiz**

Okazis en SKOPJE, ĉefurbo de Respubliko Makedonio, la plej suda parto de Jugoslavio, la 38a Internacia Fervojista Kongreso de la 17a ĝis la 23a de majo de la nuna jaro. Skopje, kontrasta urbo, pli ol du mil jaraĝa ĉirkaŭita de montoj kaj transirata de abunda rivero Vardar, tri fojojn detruita pro grandaj tertremoj, en la jaroj 518, 1515 kaj la lasta en 1963. Tiun ĉi lastan fojon la 43 procentoj da loĝejoj plene detruiĝis, pereis 1066 personoj kaj estis vunditaj pli ol 3.000. Nun, grandaj konstruaĵoj tre modernaj konstruitaj dum la lastaj 20 jaroj, kontrastas kun la turka kvartalo de metiistoj kaj malgrandaj butikoj, kie oni ŝajne troviĝas en la pasinta jarcento. Ankaŭ ekzistas moskeoj kaj ortodoksaj preĝejoj proksime.

La Kongreso okazis brile kun 715 esperantistoj el 18 landoj. Dum la solena malfermo, la juna ĥoro "Koĉo Racin" kantis la esperantan himnon, sekvis la salutoj de diversaj aŭtoritatoj, ŝtatoj, komunumaj, sindikataj, ktp., kaj la reprezentantoj de ĉiuj landoj partoprenantaj.

En la laboraj kunvenoj oni devas mencii la Terminaran Komisionon kiu plu plenumas la pezan kaj malrapidan taskon preparante la vortaron de teknikaj terminoj uzataj en fervojista mondo, trakukitaj al Esperanto. Especialan atenton meritas la progreso en aplikado de komputilo por klasifikado de terminoj de la grupo de "hispanaj fervojistoj" de Barcelono.

En la Plenkunsido estis reelektita por la du venontaj jaroj, la nunaj membroj de la IFEF estraro; ankaŭ estis aprobita la okazigo de la venonta IFEF Kongreso en KATOWICE (Pollando) de la 16a ĝis la 22a de majo 1987.

Ni ekskursis unue vizitante la kongresurbon; je alia tago ni vojaĝis al la antikva urbo Stobi, kie estas granda amfiteatro kaj multaj antikvaj restaĵoj el la 2a jarcento de nia erao. Ni iris ĝis Kavadarci, konata vinregiono kie ni vizitis grandan vinkelon kaj gustumis altkvalitajn makedonajn vinojn. Dum la lasta ekskurso, oni vizitis la belan lagon Ohrid kaj la urbon de la sama nomo, ambaŭ estas protektataj de Unuiĝintaj Nacioj, kiel vivanta muzeo de flaŭro kaj la faŭno el terciario.

La folkloraj vesperoj estis tre mirindaj. La makedoniaj folkloroj havas mondan prestiĝon.

Post la Kongreso, grupoj da esperantistoj sekvis diversajn vojplanojn. Grupo da ses membroj, revenante al Barcelono haltis en tri urboj: Niŝ, Beogrado kaj Zagrebo. Se nur pro tiuj ĉi vizitoj, ni jam estus plene rekompencitaj por la lernado de la internacia lingvo. Grupoj da esperantistoj el tiuj urboj, atendis nin en la stacidomoj por nin bonvenigi, ili sekve akompanis nin al la hoteloj, kaj ili estis la ĉiĉeronoj kiuj montris al ni la belaĵojn de siaj urboj.

**Martí Guerrero Cots**
**HISPANA ESPERANTA FERVOJISTA ASOCIO**

# KONGRESO EN ĈINIO

La 71-a Universala Kongreso de Esperanto okazis unuafoje en la ĉina ĉefurbo, Pekino (Beijing), de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto. Ja estus malfacile por mi priskribi detale ĉiun programeron de tiu surpriza aranĝo. Certe menciindas, ke ĝi atingis la plej amasan aliĝon kaj partoprenon el ĉiuj ekstereŭropaj kongresoj kun pli ol 2.200 aliĝintoj el 50 landoj. Tio ja ne nur estis grava honoro por la gastiganta lando, sed ankaŭ iel malhelpis glatan akcepton de la kongresanaro, malgraŭ la senĉese ĝentilaj kaj afablaj klopodoj de ĉinaj gehelpantoj.

Oni devas jam diferencigi esperantajn kaj amuzajn erojn, kaj por ni aparte elstaris la impona oficiala inaŭguro kaj la bankedo de Ĉina Internacia Turisma Servo. La inaŭguro celas atentigi neesperantistojn pri la subteno kaj sinteno de gastiganta lando al Esperanto. Persone ĉeestis la inaŭguran ceremonion s-roj Huang Hua kaj Chu Tunan, vicprezidantoj de la Konstanta Komitato de la Tutlanda Popola Kongreso de Ĉinio, kiuj esprimis sian opinion favoran por la granda idealo de la Internacia Lingvo. S-ro Chen Yuan, vicprezidanto de Ĉina Esperanto — Ligo, salutis kaj petis afablan pardonon pro malfaciloj dum UK. Parolante plejparte en Esperanto, ŝ-ro Chen Haosu, vicurbestro de Pekino, montris sian grandan simpation por nia lingvo. Ankaŭ reprezentiĝis 15 ŝtatoj pere de tieaj diplomatoj, inter ili almenaŭ kvar ambasadoroj. Aparte reliefiginda estis la interveno de kuba ambasadoro, kiu nome de sia registaro oficiale apogis la proponon okazigi estonte la Universalan Kongreson en La Habana. D-ro Humphrey Tonkin skize prezentis la kongresan temon "Interkompreniĝo, paco, evoluo". S-ro Grégoire Maertens, tiama prezidanto de UEA, speciale rimarkigis ke unuafoje tiel multaj honoraj komitatanoj ĉeestas la Universalan Kongreson.

Kiel kutime, dum la kongreso okazis kunvenoj de diversaj fakaj asocioj; la Internacia Kongresa Universitato glate disvolvis planitajn konferencojn; la Belartaj Konkursoj anoncis la tiun ĉi jaran rezulton; kaj la organoj de Universala Esperanto-Asocio klopodis antaŭenigi ĝin je la sojlo de la jarcento de la Internacia Lingvo.

La Ĉina Poŝto eldonis omaĝe al la 71-a UK filatelan tutaĵon kiu tuj elĉerpiĝis.

Diversaj ekskursoj dum la kongresaj tagoj celis prezenti al ekster-

landanoj ĉinajn mirindaĵojn, ankaŭ la Grandan Muron. Alia elstara ero estis la folklora vespero kun prezento de "Silka Vojo", vere mirinda, ĝuoplena, surpriza, alloga ĉina folkloraĵo kiun ni ĝuis en neimagebla etoso. Agrabla amuzaĵo estis ankaŭ la Internacia Arta Vespero, kiu prezentis diversnaciajn geaktorojn kaj la Bulgaran Koruson.

Ĉar estis elektojaro, la komitato de Universala Esperanto-Asocio elektis novan estraron prezidatan de d-ro Humphrey Tonkin.

Resume, ni dirus ke malgraŭ burokrataĵoj kaj aliaj malfacilaĵoj, nia nunjara kongreso estis impona, ne nur pro registara subteno al Esperanto, sed ankaŭ pro amasa partopreno de la esperantistaro. Notinde ke la 71-a Universala Kongreso de Esperanto estis ankaŭ la internacia aranĝo kiu allogis plej multnombran ĉeestantaron en Ĉinio.

**JUAN AZCUÉNAGA VIERNA**

---

## KOTIZOJ POR 1987

| | | |
|---|---|---|
| Individua membro | 1.500 | pesetoj |
| Protektanta membro | 3.000 | " |
| Junulara membro (HEJS) | 1.000 | " |
| Emerita membro | 1.000 | " |
| Dumviva membro | 30.000 | " |

La menciitaj membroj havas ĉiujn societajn rajtojn kaj ricevos la bultenon "Boletín" eldonitan de HEF.

* * * * *

Simpla membro .................................... 750 pesetoj

SM havas plenajn rajtojn por uzi la servojn de HEF, sed ne ricevos la bultenon "Boletín".

* * * * *

Kolektiva membro .................................... 52 pesetoj

Estas tiu, kiu aniĝas al HEF tra societo, asocio aŭ loka grupo aliĝitaj al la Federacio.

Tiu ĉi monsumo eniras entute en la Konton de Universala Esperanto-Asocio laŭ la regularo de U.E.A.

# OFICIALA PETO

Nome de Hispana Esperanto-Federacio kaj Loka Kongresa Komitato de la 47a Hispana Kongreso de Esperanto, ni PETAS al ĈIU ESPERANTO-ASOCIO kaj al ĈIU ESPERANTO-ORGANIZO el la aŭtonomaj komunumoj el Hispanio kaj Internaciaj E-Asocioj.

**ATENTI**

Pri la datoj de la 72a U. K, 43a I.J.K, 47a Hispana Kongreso de Esperanto kaj la kongresoj kaj renkontiĝoj en la aŭtonomaj komunumoj (Asturio, Andaluzio, Katalunio, Valencio, Murcio kaj aliaj) Kun la celo, ke ne okazu kolizio en la organizado de niaj jaraj kunvenoj. Antaŭdankon.

**HEF kaj LKK**

---

**NACIA LOTERIO N–RO 11381**

Meze de oktobro en la HEF-sidejo en Barcelono, estos je la dispono de la esperantistaro loteribiletoj de la NACIA LOTERIO POR KRISTNASKO.

Ĉiu bileto kostos 100 p-tojn, sed oni priludos nur la nominalan valoron, t.e. 80 p-tojn

Interesatoj mendu ilin kaj sendu samtempe la sumon. La mendoj estos validaj nur post ricevo de la koncernaj pagoj.

La HEF-estraro kaj delegitoj de la Esperantaj-asocioj, interkonsentis en VIGO, ke la Esperantaj-asocioj pagos al la Federacio, post la revendo de biletoj al membroj, nur po 90 p-toj, kaj devos likvidi la konton aŭ resendi la nevenditajn biletojn, antaŭ ol finiĝos novembro.

---

**22a KATALUNA KONGRESO DE ESPERANTO**

Lleida de la 31a de oktobro ĝis la 2a de novembro 1986

**KONGRESEJO**

Estudi General de Lleida (Universitato) Rambla d'Aragó

**PROVIZORA PROGRAMO**

| | | |
|---|---|---|
| Vendredon | 31an | 17 h. Akceptado. 22 h. Interkona vespero. |
| Sabaton | 1an | 10h. Malfermo de la Kongreso. 13 h. Inaŭguro de la K. |
| Dimanĉon | 2an | 10 h. Malfermo. 13 h. Internaciaj Floraj Ludoj. Fermo de la kongreso. Bankedo kaj adiaŭo. |

## 47a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
Madrido de la 16a ĝis la 20a de aprilo

## SUB LA HONORA PREZIDANTECO DE LA HISPANA REĜO JUAN CARLOS 1a

---

### KONGRESEJO

La Supera Lernejo por Min-inĝenieroj, situanta en Rios Rosas, apud Castellana (Nuevos Ministerios).

### LOKA KONGRESA KOMITATO

Prezidanto s-ro Augusto Casquero, Atocha 98, 4°, 28012 MADRIDO

### LOĜADO

LKK ne peras la hotelmendojn de la kongresanoj, sed nur informas ilin pri la loĝeblecoj en la ĉefurbo dum la kongresa periodo. Sekve, ĉiu kongresano devos mem rekte rezervi sian loĝadon en la elektita hotelo aŭ pensiono, ne helpate de la LKK.

### PROVIZORA PROGRAMO

#### JAŬDON 16an

10 h. Disdonado de la dokumentoj al la Kongresanoj
11 h. Inaŭguro de la Ekspozicio pri la Esperanta Literaturo (supozeble, en la Nacia Biblioteko en la bulvardo "Castellana").
13 h. Artaj kaj Sciencaj Horoj.
17 h. Gvidata promenad-vizito tra Madrido de la aŭstria dinastio (komuna foriro el la kongresejo).
20 h. HEJS sin prezentas.
21 h. Interkona vespero (senpaga trinkaĵo "sangria").

#### VENDREDON 17an

10 h. Oficiala malfermo de la kongreso en la Aŭditorio de la Kongresejo. Festparolado de hispana eminentulo (invitita oratoro C.J. Cela).
13 h. Gazetara konferenco por la gazetaro, radio kaj televido (nur por invititoj).
13 h. Artaj kaj Sciencaj Horoj.

17 h. Ĝenerala kunveno de HEJS, junulara sekcio de HEF kaj landa sekcio de TEJO. (nur por junuloj).
17 h. Oficialaj ekzamenoj de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) kaj Hispana Esperanto-Federacio (HEF), pri lingvo-scio kaj rajtigo al instruado de Esperanto.
17 h. Elementa Esperanto-kurso. Fakaj kunvenoj. Aliaj ne oficialaj kunvenoj.
18 h. Kunveno de la estraro de Hispana Esperanto-Federacio kun la delegitoj de la Esperanto-societoj.
20 h. Teatra vespero: "Pikniko sur la fronto", unuakta teatraĵo de Fernando Arrabal, ludata de Bulgara Esperanto Teatro (BET). (Nomo kaj adreso de la teatro komunikotaj).

## SABATON 18an

10 h.*Oficiala vizito al la Hispana Parlamento.
12 h.*Akcepto de la kongresanoj fare de la Madrida Urba Konsilantaro.
16 h. Ĝenerala Kunveno de H.E.F.
18 h. Arta vespero. Inter aliaj, ludos la Ĥoro de Madrida Esperanto-Liceo (en la aŭditorio de la Kongresejo).
21 h.*Gvidata vizito al la Astra Observejo aŭ la novkonstruita Planetario (komuna foriro el la kongresejo).

## DIMANĈON 19an

10 h. Oficiala fermo de la kongreso: Gast-parolado de la verkisto William Auld (Britio) pri "Cent jaroj da vivo kaj espero". Aŭditorio de la kongresejo.
12 h. Omaĝo al fratinoj Gastón.
13 h. Artaj kaj Sciencaj Horoj.
15 h. Prezentado de novaj verkoj.
17 h.*Katolika Meso (neoficiala programo). Nomo kaj adreso de la preĝejo komunikota.
19 h. Libera distra programo: la scenejo estos je la dispono de la kongresanoj. Aŭditorio de la kongresejo.
21 h. Adiaŭa Bankedo (nomo kaj adreso de la restoracio komunikotaj).

## LUNDON 20an

10 h. Postkongresa ekskurso al Toledo.

* Nekonfirmita programo.

## STATISTIKO

Aliĝoj ĝis la 30a de junio (procentoj)

| | |
|---|---|
| KATALUNIO | 33 |
| MADRIDO | 32 |
| VALENCIO | 18 |
| ARAGONO | 4 |
| GALEGUJO | 4 |
| KASTILIO–LEONO | 3,5 |
| ANDALUZIO | 3,5 |
| KANARIAJ INSULOJ | 1,3 |
| VASKA LANDO | 1,3 |

## JUNULARA PROGRAMO

H.E.J.S. dezirante ne konkurenci kun la 47a Hispana Kongreso de Esperanto, nek la 72a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio, nek la 43a Internacia Junulara Kongreso de Esperanto en Krakovo, decidis ne organizi apartan junularan HEJS-Tendaron en 1987, sed starigi Junularan Programon en la kadro de la 47a Hispana Kongreso de Esperanto.

**Alberto Franco**

---



**1887 1987**

**CENTJARA JUBILEO DE ESPERANTO**
**Internacia Patrona Komitato**

---

Donis sian aprobon al la invito, la jenaj eminentuloj:
La Reĝa Moŝto Juan Carlos 1a, ŝtatestro de Hispanujo.
S-ro Pedro Laín, Direktoro de la "Real Academia Española".
S-ro Enrique de la Mata Gorostizaga, Prezidanto de la Internacia Ruĝa Kruco.
S-ro Marcelino Oreja, Ĝenerala Sekretario de "El Consejo de Europa".

